# INFORMILO POR AMIKA RONDO DE ESPERANTAĴ-KOLEKTANTOJ




Nr. 6. 1. 11. 1969 (Dua jaro.nr.1)

## E X - L I B R I S

De iu ano mi ricevis la demandon, ĉu ne Ex-libris ankaŭ estus dezirinda fako en nia kolekt-kodo, - kaj tuj mi pensis: Jes! Kompreneble! se nur la motivo sur ili rilatas al Esperanto.

Sed la afero estas: kiu scias ion pri tiu temo? Nun! ĉar mi sciis, ke nia ano Evaristo Gil posedas personan Esperanto-Exlibris, mi petis lin pri konsilo, kaj - kiel ĉiam - li tuj afable respondis jene:

"Kiel vi scias, la frazo estas latina kaj signifas: "el la libroj". Tio estas: la libro en kiu la Exlibris estas engluita "apartenas al la libraro de..."

La kutimo pri tiu englu·igo de eta etikedo antaŭe en siaj libroj komencis jam en la 16-a jarcento en Germanujo. La etikedo povis montri




la nomon de la libro-posedanto, lian blazonon, lian moton aŭ simile. Kaj jam de la 1700-jaroj estis ordinare, ke librokolektantoj lasis la plej prominentaj artistoj desegni siajn Exlibris. Nuntempe tiuj - tute privataj posedantmarkoj - estas objekto por tre vaste etendita kolektado. La posedantoj ofte eldonas Exlibris kun diversaj motivoj rilatantaj al iliaj diversaj interesoj aŭ fakoj.

-

Kaj E. Gil daŭrigis: Mi jus eldonis poŝtkarton kun bildo de mia propra Exlibris, kaj volonte mi sendas kvanton de tiuj kartoj por dis dono al la AREKanoj.

Kiel kutime ni devas esti E. Gil tre dankaj. Li ne nur disdonis sian Exlibris; sed de liaj aliaj meritaĵoj mi nur nomas, ke li prizorgis al ni la afiŝon de la 37a Foiro de Barcelona, 1-15 junio. Li kune kun s-ro Moreno eldonis pk kun bildoj de hispanaj Esp-stampoj kaj sendis ĝin al niaj anoj stampitaj per la stampo de la ĉi-jara hispana Esp-kgr en La Laguna, kaj plie li donacis al la Stampo-servo stokon de speciala koverto kun stampo de tiu kongreso.

Do liaj agoj estas grandiozaj. Dankon!

□

--- oOOo ---

## PARK * URBO ESPERANTO

Certe ĉiu iom progresinta kolektanto de Esperantomarkoj konas de sia kolekto la kolorriĉajn, sed iom enigmajn, markojn kun surskribo: Park Urbo Esperanto - kaj miris pri ili.




Kie kaj kiam ili devenis? Kie situas tia Eldorado? Esperanto-urbo? Almenaŭ ni konas 4 diversajn de tiuj markoj, du kun la ĉi supra enskribo kaj du kun simila enskribo en germana lingvo: Park Stadt Esperanto. De tiu lasta oni komprenas, ke temas pri iu germana entrepreno, sed aliajn detalojn oni ordinare ne scias. Kaj tial tiuj markoj toleras la saman sorton kiel la multaj aliaj "sigelmarkoj"; ili estas nur simple metitaj en la albumon sen klarigo pri eldontempo - aŭ eldonloko.

Sed antaŭ kelke da tempo sinjorino Strönne el Malmö tute hazarde trovis la solvon de tiu malnova problemo. Pri tio ŝi rakontas:

Ĉe maljuna, skania Esperantisto mi trovis, (kiam mi kunhelpis enpaki liajn Esperantolibrojn donacintajn al Sveda Esperanto Federacio) por ni glumarkkolektantoj tre interesan 4-paĝan cirkuleron pri projekto "Park Urbo Esperanto" en la urbo München, Germanujo, - datita 1912.
Kaj tuj mi komprenis, ke ĉi tie -fine- estas la klarigo pri la ĝis nun enigmaj glumarkoj kun tiu esperdona enskribo.

La cirkulero temas pri konstruota Esperanto-urbo sur la dekstra bordo de rivero Würm, 5 kilometrojn for de München.

Estas tre fantaziriĉa, grandioza, sed bedaŭrinde ankaŭ "utopia" afero. Sed oni fondis Propagandan Ligon por akceli la konstrukomencon, kaj oni jam akiris, helpe de munkena bankiero, kiu estis favora al Esperanto, terenon 1000ooo kvadratmetrojn grandan, kiu eĉ povus esti pligrandigita laŭbezone.

La nomon, Park Urbo, ĝi ricevis pro tio, ke ĉiuj konstruaĵoj en ĝi devis esti apartigitaj unu de la aliaj per ĝardenoj kaj parkoj.
La planoj enhavis ĉion penseblan por moderna turistalloga urbo. "Ni volas, ke la Park Urbo estu dezirinda "pilgrimloko", ne nur por Esperantistoj, tial ni preparos ferian rifuĝejon por geknaboj - kaj kuraclokon klimatan, aeran, kie pacientoj konstante povas trovi resanigon kaj agrablan ripozon".
Kaj oni ne nur pensis pri fizikaj bonstatoj kaj familiaj loĝdomoj. Oni ankaŭ volis konstrui preĝejon, teatron, kazinon, klubdomojn, lernejojn, internacian bibliotekon kaj "pacmonumenton omaĝe al Zamenhof".

"Ĉiuj loĝantoj en la urbo estu absolute egalrajtaj urbanoj, sed ili ĉiuj devas esti Esperantistoj (aŭ almenaŭ en ĉiu familio devas esti minimume unu, kiu komprenas Esperanton).

Kompreneble tia grandioza entrepreno postulas grandegan kapitalon, kaj por parte havigu tiun oni fondis grandan, internacian loterion,

en kiu oni povis gajni multajn premiojn. La loterio havis 10 apartajn seriojn kun po 100000 numeroj. En ĉiu serio estis la ĉefgajno komplete ekipita vilao en la urbo - aŭ en mono 20000 germanaj markoj.

La nomoj sub la cirkulero ne pli estas konataj. La "Konsilantaro" konsistis de advokatoj, arkitektoj kaj inĝenieroj, kaj post ili estas nomita "Honora Konsilentaro" de korteganoj, baronoj kaj grafoj. Do, oni komprenas, ke oni movis sin en alta, sociala tavolo.

Oni facile komprenas, ke la tuta projekto estis frakazita dum la sekvanta unua mondmilito 1914-18. Oni neniam aŭdis pli pri la afero, kaj oni ne scias, kio okazis kun la granda rezervita tereno ekster München.

-

Sed, almenaŭ ni kolektantoj nun, danke al la atentemo de s-ino Anna-Greta Strönne, scias, ke la antaŭe mutaj markoj pri Park Urbo Esperanto aperis en München - anno 1912.

□

******

KARAJ AREK-ANOJ!

Jam pasis jaron en la vivo de nia amika klubo, kaj mia tasko do estas, ke mi alvoku al nova kotispago. (Jes, tion mi ankaŭ faris en la lasta numero de Fenikso, do, kial ripeti tion? Nun! pro tio, ke unuopaj membroj ŝajne ne legis nian alvokon!). Se vi havas malfacilaĵojn rilate al la pago, bonvolu nur skribi al mi. Ni certe solvos la aferon. Se vi estas tiom nekontenta pri ni, ke vi ne plu deziras partopreni en la Rondo, ni petas vin skribu pri tio al ni, tiel ke ni ne havas nenecesajn elspezojn kun daŭra alsendo de niaj paperoj. Memoru ke la AREKa jaro komencos je oktobro - ne kiel la kalendara jaro je januaro.

Nia gazeto regule aperis. Mia tasko kiel gvi-

danto ne donis al mi tro da laboro. Komence mi ne kredus, ke Amika Rondo povus tiel glate labori.

Mi mem estas kontenta kun la jam pasinta jaro, ĉar ni estis facile informitaj pri novaĵoj. Kaj se io perdiĝis ni facile ĉe nia Banko povas mendi la mankantan stampon. Bedaŭrinde ni ne havas similan por Glumark-kolektantoj, Sed eble ni poste ankaŭ solvos tiun taskon.

Pri Esp-poŝtmarkoj mi ĉiam estas je via dispono, kaj mi faros ĉion por ke vi akiru la deziratan objekton.

Fari grandajn promesojn antaŭ la nova jaro mi ne intencas, mi estas kontenta, se la tono en nia amika interrilato daŭras, kaj se vi ĉiam per letero aŭ nur per kelkaj vortoj sur poŝtkarto sciigas min aŭ la redaktoron pri novaĵoj aperontaj en via lando. Ne forgesu, ke vi tielmaniere helpas ĉiujn la aliajn Arekanojn.

Ivar Paulsson

## ESPERANTO - STAMPOJ .

2 francaj variaĵoj.

Pri du malnovaj, francaj Esp-sta.j, kat.nr. 4 kaj 5, mi povas mencii detalojn, kiuj eble havas intereson por kelkaj de niaj samklubanoj.

1) La maŝina varbstampilo: PARIS/INVITAS VIN/ EKSPOZICIO 1937 - estis en monato aŭgusto iom difektita. La 2 maldekstraj anguloj dë la kadro ĉirkaŭ la teksto mankas, kaj parto de la malsupra linio estas ne legebla.

Stampoj kun tiuj mankoj do estas variaĵoj. Malgraŭ la difektoj la stampilo estis uzita ĝis la fino de la ekspozicio.

2) Pli kuriozaj estas la 2 tipoj de la franca stampo nr. 5. Teksto: CONGRES/ESPERANTO/4.5.6. JUIN/ROMANS. Temas pri ordinara maŝinstampo kun ronda urb- kaj datostampo dekste kaj tekst-kliŝo maldekstre.

a) normala tipo. b) "izolita" tekstkliŝo.

Kaŭzo al tiu variaĵo estas, ke dum la uzo rompiĝis la risorto (aŭ iu alio), kiu kunligis la datan- kaj la varban stampilpartojn.
La 2 disiĝitaj partoj de la stampilo estis tamen uzitaj dum la kongreso, sed post la rompo ne pli mekanike - sed permane, la unu post la alia. Kompreneble oni per la ronda urbstampo daŭre anuligis la poŝtmarkon, sed je la permana stampado oni ne plu prizorgis, ke la 2 stamperoj situis en la ĝusta reciproka konstelacio. Oni nur metis la varbstampon ie ajn sur la koverton, - do tute kvazaŭ "apudstampo".
Ambaŭ stamp-variaĵoj estas tre raraj.

Jean Amouroux

NOVAJ ESPERANTO-STAMPOJ

14) 22100 Como C.P. Italio. 13-18/9 1969.
Ronda sta. 40a Itala Kongreso Esperanto.
Interne: Poŝtkorno, dato kaj vorto:
Servizidistaccati. Specialaj Pk.j.

15) Miedzygórze. Pollando. 16-29/9 1969.
Supre pola teksto sube sama teksto en Esp.: La V-a internacia Esperantista Ferio. 16-29. IX. 1969. La meza spaco estas plenŝtopita de 4 div. vinjetoj. 1) Stelo kun E. 2) XXV LAT PRL en kadro formita laŭ la konturo de la lando. 3) FWP en neregula kadro kaj 4) ronda urbstampo kun moveblaj datumigciferoj kaj steleto.
Priskribo malfacila. Studu la bildon.



16) Bystrzyca. Pollando. 27. IX. 69.
Ronda sta. En duobla ringo laŭ la rando, maldekstre: Internacia renkontiĝo de l' amikeco, kaj dekstre: la sama teksto en nacia lingvo. En la ronda mezo: turo-pinto, urbnomo kaj datumigo. □

## A N O N C O J ?

□.Oni demandis min: ĉu estus ebla, ke nia informilo povus publikigi anoncojn.

Niaj membroj povus tielokaze kaj oferti sian duoblaĵ-materialon kaj demandi pri dezirataj objektoj kaj entute proponi kondiĉojn kaj dezirojn pri interŝanĝo. K.t.p.

Mia respondo estas, ke mi estas positiva por tia aranĝo, se ni nur povas teni ĝin en modesta kadro. La spaco en nia informilo estas ja tre limigita. Tamen en ĉiu numero mi povus facile dediĉi unu-du paĝojn por tiu celo.

Ni povas ja fari eksperimenton tiucele. Malgrandaj anoncoj (ĝis 1/4 paĝo) estas senpage enpresitaj. Ĉiu membro rajtas skribi anoncon unu fojo en ĉiu jaro.

Plurfojaj aŭ pli grandaj anoncoj estas pagendaj per rkp aŭ novaj markoj. Ni povas diri, ke 1/4 paĝo (10 linioj) pli - kostas 1 rkp.

Ni devas ja pripensi, ke estas tre malgranda stoko de "abonantoj", kiuj legas la anoncon, kaj tial ĝi ankaŭ devas esti tre malkara.

Sed memoru, ke ne ĉiuj membroj povas montri anoncojn samtempe en sama Fenikso. Eble kelkaj devas havi grandan paciencon kaj atendi ĝis iu estonta numero. Ni provu!

La venonta Fenikso estos farata en la Kristnaskferio kaj aperos la unuan de januaro.
Mi deziras vin jam: Bonan kaj sukcesan 1970 !
Reinhold Jensen, Sdr.Ringgade 77. 8000 Århus C
Danlando

# GLUMARKOJ

## Nova - malnova glumarko

Kiam oni provas skribi liston pri la porokazaj kaj datitaj glumarkoj, oni baldaŭ spertas, ke tio estas neebla tasko por unuopa homo. Estas necesa, ke ĉiuj kolektantoj kunhelpas laŭ povo. Se ne - la rezulto estas, ke ni ne ekkonas plurajn markojn, kiujn oni tial poste devas enŝovi en la numervicon helpe de prefiks-litero je la numero. La lastaj ekzemploj estas krom la Pionir-markoj la ĝis nun nekonata marko de la 75-jara Esp.jubileo en 1962. Vidu la bildon.




-

La malbona portreto de Zamenhof estas presita verda sur blanka. Kie? Eble en Svisujo! Ĉar la ne - esperantista kolektanto, kiu trovis la markon, ricevis ĝin de tiu lando.

-

("mor. a!" Se VI konas porokazan ankoraŭ ne katalogizitan glumarkon - bonvolu skribi pri tio al Fenikso).

□

---

Ni bonvenigas novan membron:
S-ro Jozefo Stanislao Boscarino,
Corso Vittorio Veneto 92 . I. 97100. Ragusa
(Sicilia)

## KATALOGA MALFACILAĴO. LA PIONIR-SERIO.

□. Feliĉe la afero kun tiuj malnovaj HELO-markoj ŝajne ne estas tiel implikita, kiel mi lastfoje timis. Mi ricevis sciigon unue de miaj amikoj Gil kaj VÁňa, sed mi esperas, ke ankoraŭ envenos mencioj pri pluraj markoj kaj detaloj. Laŭ la respondoj mi konkludas:




1) Ŝajne HELO laboris en la jaroj 1936 - 40 en Portugalio.

2) Al la demando: ĉu ekzistas pluraj markoj en la Pionir - serio: 10A kaj 10B ? oni respondas: Certe ne. La du pioniroj ambaŭ mortis en jaro 1940, ne kiel skribite en 1940 kaj 1949. Tio estas indico por ilia samtempeco. Oni certe ne poste daŭrigis la serion, kaj ŝajne oni ĉesigis la eldonadon de HELO-markoj dum la milito, ĉar la plej alta numero konata estas nr. 12. La pionir-serio estas absolute taŭga materialo por katalogo pri porokazaj datitaj markoj. Nun la katalogizado estas facila. - Mi listigas ilin antaŭ nr. 329 kiel nr.j A 329 kaj B 329.

En venonta numero de Fenikso mi intencas priskribi la de mi konataj HELO-markoj, sed la listo certe ne estos kompleta, se ne ĉiu el niaj anoj, kiuj scias ion pri detaloj, raportos pri tio al mi.

Ĉu nia portugala amiko, da Silvo, ne povus rakonti ion? Antaŭdankon!

Reinhold Jensen

GLUMARKOJ 1969 (Daŭrigo)

15) 1-a int. ŝakfestivalo. Cuorgne. Italio. 24/5-2/6 1969. (H)(50x35). Fol.2x4=8. Supre strioj de Esperanto- kaj nacia flagoj. Meze ŝak- kaj urbmotivoj. Nigra, ruĝa kaj verda. Sur la supra folirando pligrandigita flagstrio.

GLUMARKOJ 1970

1) 35a novzelanda Esp-kgr. Napier. 3-7/1 1970. (H)(pap.55x43), trap.fol. 2x3=6. Totemfosto same kiel en 1969. Blanka teksto sur blua fono, + verda stelo.

2) 22-a IFEF-kgr. Rimini. Italio.16-22/5 1970. (V)(34x48) fol. 2x2=4. Suno super velŝipo en ovalo sur ora fono. Nigra teksto. Verda stelo. 4-kolora. Spec. koverto.

3) 43-a SAT-kgr. Augsburg, Germanujo. 25-31/7. (V)(28x34) trap. fol. 3x4=12. Statuo kaj silueto de domego. Blanka kaj nigra sur ora fono + verda stelo.

4) 55-a UK. Wien. 1-8/8. (V)(30x39) trapikita folio. La fera kavaliro de la urbdoma turo, nacia flagrubando, teksto kaj verda stelo. Nigra, ruĝa kaj verda.

---------------------------------------- □

□. Sur la lasta paĝo de tiu numero vi povas vidi nian unuan jarbilancon. Ĝi estas dividita en 2 fakoj, unu por AREKO kaj unu por la informilo.

Ni trovis tion praktika, ĉar Fenikso havas enspezojn ne nur de la "asocia kaso", sed ankaŭ senpere diversmaniere. Ŝajnis al ni, ke estas pli facile fari memstaran Fenikso-kalkulon, anstataŭ fari superfluajn transportojn tien kaj reen inter Stockholm (Solna) kaj Århus.

Se vi havas demandon al la bilanco, nur sendu ĝin. Ni respondos.

# JARBILANCOJ 1968 - 69

## A R E K

| Enspezoj: | | Elspezoj: | |
|---|---|---|---|
| 34 kotizoj á 6 rkp | 142,80 | Fenikso | 99,60 |
| Leviĉarov (donaco) | 9,50 | Korespondado | |
| Paulsson ( " ) | 15,80 | + propagando | 37,60 |
| | | Kontorartkl. | 26,10 |
| | | Kasenhavo | 4,80 |
| en sveda valuto | 168,10 | | 168,10 |

Kurzo: Sveda kr. 1,00 = dana kr. 1,45
1 int. rkp. " " 0,70 dana kr. 0,90

Ivar Paulsson

## F E N I K S O

| Enspezoj: | | Elspezoj: | |
|---|---|---|---|
| AREK (99,60 sv) | 144,42 | Papero | 39,63 |
| Burmeister(mankol.) | 2,70 | 44 stencils | 37,95 |
| Manninger ( " ) | 2,70 | 2 el. stenc | 32,00 |
| ---- (donaco) | 4,55 | 2 bt.presinko | 24,00 |
| Sta-servo (listoj) | 9,00 | Kovertoj | 10,04 |
| ---- (donaco) | 27,00 | Afranko | 46,30 |
| Jensen ( " ) | 32,00 | | |
| | | Kasenhavo | 32,45 |
| en dana valuto | 222,37 | | 222,37 |

Reinhold Jensen